n-ro 23
1996-1
februaro 1996

# Esperanto en Azio



*Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado*

**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Tel: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

*e n h a v o*

*Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili estis elektitaj en 80-a UK en Tampereo por 3-jara periodo, de julio 1995 ĝis julio 1998.*

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012. tel.: +82-2-612-1906. fakso: +82-2-616-1571

MA Young-tae/ MA-106, Dong-a Apt., Daechi-dong, Gangnam-gu, SEOUL 135-280. tel.: +82-2-553-6820

SYOZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso" +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-1-832-6682. fakso: +86-1-832-1808

WANG Jianbing/ Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-1-832-6682. fakso: +86-1-832-1808

## *Al la Unua Azia Kongreso!*

*Solena Kunveno de Aziaj Esperantistoj*

*22, 23, 24, 25 aŭgusto 1996*

*Ŝanhajo, Ĉinio*

# 1. Invito al la Unua Azia Kongreso
# Solena Kunveno de Aziaj Esperantistoj!

Venis nova jaro — la jaro 1996. En tiu ĉi jaro estos granda evento por aziaj esperantistoj, t.e. la Unua Azia Kongreso de Esperanto, de la 22a ĝis la 25a de aŭgusto en Ŝanhajo, Ĉinio.

La kongresa temo estas: Azio kaj la 21a Jarcento. La kongreso havos karakteron de azieco.

Nun ni streĉe faras preparajn laborojn. Baldaŭ aperos la Dua Bulteno kaj mendilo. EPĈ kaj Ĉina Radio Internacia informos siajn legantojn kaj aŭskultantojn pri ĝisnunaj preparaj laboroj kaj koncernaj aferoj interesaj por partoprenontoj.

KAEM (Komisiono de Azia Esperanto-Movado) kaj LKK faras sian devon por sukcesigi tiun ĉi kongreson.

Oktobre de la pasinta jaro, LKK sendis sian delegacion al la 82a Japana Esperanto-Kongreso en Jokohamo kaj la 27a Korea Kongreso de Esperanto en Iksan, kaj la delegacio prezentis preparajn laborojn de la Unua Azia Kongreso de Esperanto. La delegacio ankaŭ vizitis Tokian Esperantan Klubon, Osakan Esperantan Societon, Internacian Fakon de Oomoto kaj konsiliĝis kun KAEM-anoj de Japanio kaj Koreio kaj estraranoj de JEI kaj KEA pri koncernaj aferoj de la Unua Azia Kongreso de Esperanto. Reveninte Ŝanhajon LKK kunvenis kaj dividis taskojn inter LKK-anoj. En decembro KAEM dufoje okazigis oficialan kunsidon en Ŝanhajo, en kiu prezidis la prezidanto de KAEM, s-ro Takeuti kaj trarigardis la kongresejon, kunvenejojn, hotelon, loĝejon ktp. En la oficialaj kunsidoj ni diskutis vaste kaj detale pri la enhavo kaj ekskursoj de la Unua kaj Dua Bultenoj, aliĝkotizo, prezoj por tranoktado kaj manĝo, ekskursoj antaŭ, dum kaj post la kongreso kaj pri eblaj rimedoj por helpi al nepagipovaj aktivuloj ktp.

Kiel prezidanto de LKK, mi multe dankas al KAEM kaj ĈEL, kiuj donas al ni helpon. Mi devas danki ankaŭ al aziaj esperantistoj, kiuj zorgas kaj zorgos pri la Unua Azia Kongreso de Esperanto. Sub la gvido de KAEM kaj ĈEL, dank' al kunlaboro de aziaj esperantistoj, la Unua Azia Kongreso certe sukcesos.

Ŝanhajo, kiu estas mondfama havenurbo kaj rapide disvolviĝas ekonomie, eduke, kulture, teknike, science kaj turisme, per siaj glora historio kaj nuna nova aspekto, varme bonvenigas esperantistojn el aziaj landoj kaj aliaj mondpartoj.

*Prezidanto de LKK de la Unua Azia Kongreso de Esperanto*
*prof. WEI Yuanshu/ 550 Dalian Road (W) Shanghai, CN-200083, Ĉinio*
*tel. kaj fakso: +86-21-542-7900*

# 2. Informoj pri la Unua Azia Kongreso

1. Dato: 22-25 de aŭgusto 1996
2. Loko: la hotelo "Silka Vojo" en Shanghai (Ĉinio)
3. Kongresa temo: "Azio kaj la 21-a jarcento"
4. Aliĝkotizoj:

| | ĝis 96-03-31 | ekde 96-04-01 |
|---|---|---|
| A | 140 US$ | 160 US$ |
| B | 60 US$ | 100 US$ |
| C | 300 RMB | 350 RMB |

**A:** Por ĉiuj landoj escepte de tiuj menciitaj ĉi-sekve sub B

**B:** Por ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Resp.); Iamaj socialismaj landoj; Afriko kaj Latin-Ameriko

**rimarkoj:** aliĝkotizoj de la kategorio B estas ŝanĝitaj. Atentu tion. Kaj se vi loĝas en nepagipovaj landoj, sendu vian aliĝilon al LKK kaj pagu la kotizon surloke en la kongresejo. Se via aliĝilo atingos antaŭ la limdato (fino de marto), vi pagos 60 $, sed se ĝi atingos pli poste, vi devas pagi 100 $. Do, frue sendu vian aliĝilon.

**C:** Por Ĉinio

5. Tranoktejoj (por unu persono por unu tranokto)

| | | |
|---|---|---|
| A. hotelo "Silka Vojo" | en 2-lita ĉambro | 23 US$ |
| (280 ĉambroj) | 3-stela hotelo, | |
| | kun klimatiziloj, televidilo, banejo kaj tualetejo | |
| B. Universitata Apartamento | en 4-lita ĉambro | 4 US$ |
| (maksimume 28 personoj) | kun klimatizilo, necesejo kaj duŝejo (varma akvo) | |
| C. Universitata Gastejo | en 4-lita ĉambro | 2 US$ |
| | kun elektra ventumilo, komuna duŝejo kaj necesejo | |
| Ĉ. Studenta Loĝejo | en 4-lita ĉambro | 1.5 US$ |
| | kun elektra ventumilo, komuna duŝejo kaj necesejo (malvarma akvo) | |

6. Manĝoj:

   3 manĝoj en la hotelo kostas 15 US$.

   3 manĝoj en la gastejo kostas 11 US$.

7. Programoj

7-1. Solenaĵoj: Inaŭguro, Fermo, Bankedo (nur por mendintoj: 25 US$)

7-2. Laborkunsidoj: Kunsidoj pri la kongresa temo; Respondeculoj de Esperanto-organizaĵoj en Azio; Azia movado; Junulara movado en Azio; Diskutoj por gvidantoj de Esperanto-kursoj en Azio; Prelegoj pri Lusin, Eroŝenko, Elpin, Verda

Majo; Kunsidoj por medicinistoj; Legantoj de "El Popola Ĉinio"; Aŭskultantoj de Ĉina Radio Internacia; Legantoj de "La Mondo"; Turismo pere de Esperanto; Librokulturo; Internaciaj ekzamenoj de ILEI; Seksa diskriminacio; Fakaj kunsidoj (fervojistoj, SAT, Oomoto, Papero kaj kapsiko)

7-3. Aliaj programeroj:

Interkona vespero; Akrobataĵo (nur por mendintoj: 10 US$); Goo-amatoroj, Videofilo (Hodiaŭa Shanghai); Vespero; Konversacia rondo; Duontagaj ekskursoj en la urbo

8. Vizo:

Ĉiuj eksterlandaj vizitantoj devas havi validan vizon, kiun oni povas peti ĉe ĉina ambasadorejo aŭ konsulejo. LKK sendos al ĉiuj aliĝintoj oficialan vizdonan invitilon.

9. Antaŭkongresaj ekskursoj (477 - 677 US$):

9-1 Pekino - Xi'an - Shanghai (6 tagoj)
9-2 Pekino - Qingdao - Shanghai (6 tagoj)
9-3 Guangzhou - Guilin - Hangzhou - Shanghai (6 tagoj)

10. Postkongresaj ekskursoj (255 - 677 US$):

10-1 Shanghai - Suzhou - Hangzhou - Shanghai (6 tagoj)
10-2 Shanghai - Xi'an - Pekino (6 tagoj)
10-3 Shanghai - Hangzhou - Guilin - Guangzhou (6 tagoj)
10-4 Shanghai - Qingdao - Pekino (6 tagoj)
10-5 Shanghai - Pekino - Tianjin (6 tagoj)

11. Adreso de Loka Kongresa Komitato:

1-a Azia Kongreso de Esperanto/ 550 Dalian Road (W), CN-200083 Shanghai, Ĉinio
tel.: +86-21-65423339, +86-21-65311900-2284; fakso: +86-21-65427900

12. Banko:

Bank of China, Shanghai Branch; konto: Shanghai Ai Wei Lai Shi Ye Gong Si 40303018240140661074, je la nomo de la 1-a Azia Kongreso de Esperanto

13. Se vi volas partopreni en la 1-a Azia Kongreso,
japanoj turnu sin al JEI,
koreoj al KEA,
ĉinoj al ĈEL
aliaj rekte al Loka Kongresa Komitato.

## 3. *Kunsido de KAEM (raporto)*

loko: Ŝanhajo

dato: 23-24 de decembro 1995

ĉeestantoj: ZOU Guoxiang, DAI Songen, WEI Yuanshu, WANG Minhao el Ĉinio.

Puramo CHONG el Koreio. TAKEUTI Yosikazu, SYOZI Keiko el Japanio

temo:

1. La Unua Azia Kongreso de Esperanto (ĝenerala raporto de LKK; raportoj de landaj asocioj; programeroj; ekskursoj; loĝejoj, manĝoj kaj ceteraj opcioj; buĝeto kaj financaj aferoj; akcelado de aliĝoj precipe el nepagipovaj landoj; ceteraĵoj)
2. Strategio de KAEM (projektoj por Azia Movado de UEA; Azia Karavano; "Esperanto en Azio"; agadprogramo por Azia Kongreso; ceteraĵoj)

## *4. Projekto*

Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA

Jenaj 72 aziaj esperantistoj aliĝis al UEA laŭ la projekto.

64 el Ĉinio: AN-GUO Muo, BA Jing-ke, BAO Shu-jun, CAO Xionglin, DAI Cheng, DAI Zhongli, DONG Shulin, ĜJEN Ŭejĝjen, HAN Zuwu, HUANG Yinbao, JI Yingeng, JIANG Xiafang, JIANG Yunlin, JIANG Zu-yue, LI Changlu, LI Liang, LI Weilun, LI Xiugi, LI Yudong, LI Yusheng, LIANG Nai Keng, LIN Bo, LIN Leming, LIU Haitao, LIU Liduan, LIU Minghui, LU Wengfang, MA Fengchen, MU Binghua, PENG Jianjun, QI Hong, SHAO Rong, SHEN Chengru, SONG Bin, SONG Jingquan, SU Xianpei, SUN Mingxiao, SUNG Rong Yao, TANG Yong, WANG Ai, WANG Guiyun, WANG Lu, WANG Tianyi, WANG Xigen, WANG Yanjing, WEI Shan, WU Rei-huo, XIAO Peiliang, XU Chengzhi, XU Hong-jiu, XU Xiao Dong, YAN Jiasi, YU Dequan, YU Hong, ZENG Heyao, ZHANG Ai-yu, ZHANG Fude, ZHANG Jiping, ZHANG Mintai, ZHANG Xuesong, ZHANG Yue-wu, ZHANG Zinguang, ZHU Baogang, ZHU En

1 el Uzbekio: Vladimir R. Lemelev

4 el Vjetnamio: Dáng Diñh Dam, Feniksa Hoang Minh Phung, Nguyên Quang, Nguyên Ván Diên

3 el Mongolio: Banzragĉijn Batsajĥan, Ĉemedcerengijn Enĥe, Miangmarijin Altanceceg

Se vi volas aliĝi al UEA, sendu al KAEM jenajn skribojn kompletajn:

1. Konciza simprezento
2. Kiel mi aktivis por nia movado en 1995?
3. Kiel mi bonigis la movadon en mia regiono?

KAEM/ ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Tel.: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3+3203+4582

## 5. Okazis

### 5.1 La Kongreso de REU (Rusia Esperantista Unio)

En 6-8 de oktobro 95 ĝi okazis en la urbo Tjumeno (Tyumen) en Okcidenta Siberio. Ĝi estis la plej malmultenombra kongreso dum lastaj 30 jaroj de Esperanta agado en Rusio. Ĝin partoprenis nur tri dekoj da esperantistoj. Tamen la kongreso faris ŝanĝojn en la REU-statuto konforme al novaj kondiĉoj. Elektiĝis nova estraro, al kiu aldoniĝis ankaŭ siberia teamo. (Espereble, ke influo de freŝaj fortoj al la Estraro estos utila kaj iel pliviglígos kaj aktivigos la landan esperantistaron, kiu en "novaj kondiĉoj" iĝis tre pasiva).

*Vladimir Bespalov, RUS-354000 Soĉi, ab. ja. 913, Rusio*

### 5.2 Simpozio pri Esperanto-movado en Jilin (Ĉilin), Ĉinio

De la 9a ĝis la 10a de decembro 1995 en Dongfeng-gubernio de Jilin-provinco okazis la Simpozio pri Esperanto-movado en la suda regiono de Jilin-provinco, kiun organizis Changchun-a Esperanto-Asocio. 39 esperantistoj el tiu regiono partoprenis en ĝi. La temo de la simpozio estis "Enspezo, Evoluo kaj Esperanto-movado". Laŭ la temo kvin esperantistoj faris prelegojn, kiuj multe interesis la ĉeestantojn. Dum la simpozio oni okazigis ankaŭ Esperantan intensivan kurson, kiun gvidis aŭstralia esperantisto Johano.

*LIU Minghui/ 116-100 Stalin Strato, Changchun, CN-130022 Ĉinio*
*tel.: +86-431-568-3178 x 423 (oficeja), +86-431-569-4570 (hejma)*

### 5.3 Zamenhof-Festo en Jinan (Ĉinan), Ĉinio

En la 17a de decembro Jinan-a Esperanto-Asocio okazigis kunsidon por memorigi la 136an datrevenon de la naskiĝo de d-ro Zamenhof en Jinan-a Teknologia kaj Belarta Lernejo. En la kunsido ĉeestis ĉ. 40, el kiuj preskaŭ du trionoj estis gejunuloj. Unue s-ro LIU Xiaojun, profesoro de Shandong Universitato, parolis aferojn pri Esperanto-movado en la mondo kaj en Ĉinio, pri devo de esperantistoj. Due s-ino ZHANG Demei raportis la 3an Ĉinan Kongreson de Esperanto. Trie ĉiuj libere parolis pri d-ro Zamenhof, pri Esperanto, kiel disvastigi kaj praktiki Esperanton. Poste iu proponis starigi la librovendejon "Verda Stelo". Tiu propono estis akceptita de ĉiuj ĉeestantoj. Fine la ĝenerala sekretario de la asocio, s-ro LIU Yong faris resuman paroladon kaj ankaŭ pri la agada plano de la asocio en 1996. Li ankaŭ petis ĉiujn aliĝi al la Unua Azia Kongreso.

*Cao Fuli/ 88 WenHuaDongLu, La biblioteko de Shandong-a Normala Universitato, Jinan, CN-250014 Ĉinio*

## 5.4 19-jara Kongreso de PakEsA (Pakistana Esperanto-Asocio)

En la 28 kaj 29a de decembro okazis la kongreso en la urbo Jhelum (Ĵelam). La asocio okazigas ĉiujare du kongresojn, la someran kaj la jaran.

En la 28a de decembro okazis inaŭguro, en kiu partoprenis esperantistoj el diversaj kluboj de Pakistana Esperanto-Asocio. Ankaŭ Matti Lahtinen el Finnlando partoprenis kaj prelegis. Prelegis ankaŭ Muhammad Sidique, la prezidanto de la asocio. Parolis ankaŭ Muzter Abbasi, la fondinto de la asocio.

En la 29a, oni diskutis administrajn aferojn.

*Pakistana Esperanto-Asocio/ 2-Asghar Mall Road, Rawalpindi-46000, Pakistano*

*tel.: +92-51-453898*

## 5.5 Vintraj kursoj je kunlaboro de koreaj kaj japanaj esperantistoj

### 5.5.1 en Kanazaŭa (Japanio)

De la 23a ĝis la 28a de decembro en la urbo Kanazaŭa en la gubernio Iŝikaŭa okazis rapidaj kursoj de Esperanto. HO Song el Koreio gvidis. Antaŭtagmeze li gvidis elementan kurson kaj vespere li gvidis enkondukan kurson. Parte helpis ankaŭ usona esperantisto Joel BROZOVSKY. En la 24a, vespere okazis Kristnaska Festo, en kiu partoprenis ankaŭ infanoj kaj ĉiuj gaje ludis, dancis kaj aŭskultis parolojn.

### 5.5.2 en Kameoka (Japanio)

De la 31a de decembro ĝis la 2a de januaro en la urbo Kameoka okazis transjara kurso, organizita de Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto. En ĝi partoprenis 69, inkluzive de 14 koreaj partoprenantoj, inter kiuj estis ankaŭ direktoroj de Korea Esperanto-Asocio. Ili lernis dividite en 8 klasojn. En la 31a, vespere okazis interkona vespero kaj oni dancis kaj ĝuis la jarfinon.

### 5.5.3 en Iksan (Koreio)

De la 5a ĝis la 12a de januaro okazis vintra kurso en la urbo Iksan, organizita de Ŭonbulisma Esperantista Asocio. En ĝi partoprenis ĉ. 30. KIM Uson gvidis la enkondukan, DOI Ĉieko el Japanio gvidis la elementan kaj CHOE Taesok gvidis la mezan. Krom Doi, unu japano kaj unu franco partoprenis en ĝi.

# 6. Okazos

## 6.1 Printempa Seminario en Seulo

loko: Seulo

dato: 26-27 de aprilo 1996

temo: interrilato inter Japanio kaj Koreio surbaze de la nova eldonaĵo "Historio de Japanio kaj Koreio: Enkonduko"

Detalojn petu de:

*NIŜIO Cutomu/ Takadono 4-13-3, Asahi-ku, OOSAKA, 535Japanio. tel.: +81-6-955-5728. fakso: +81-6-928-4615. retadreso: NBG02407 @niftyserve. or.jp*

## 6.2 '96 Internacia Esperanta Somera Semajno por Geknaboj kaj Gejunuloj kaj Simpozio pri Kompilado de Esperantaj Lernolibroj kaj Didaktiko

loko: Pekino

dato: 15-21 de julio 1996

temo: Bonvenigi la 21an jarcenton, fariĝi daŭriganto por prosperigi la ŝtaton per scienco kaj tekniko

laborlingvoj: Esperanto kaj la ĉina

kotizo: 50 US$ (nur por sin-registrado. Oni devas pagi aparte por loĝado, manĝo, ekskurso kaj aliaj)

limdato de aliĝo: fino de aprilo

Detalojn petu de:

*Sciencista-Teknikista Esperanto-Asocio ĉe Ĉina Akademio de Sciencoj 52 Sanlihe, Beijing 100864, Ĉinio. fakso: +86-10-859-1095*

## 6.3 Komuna Seminario 15 (por junuloj ĉinaj, koreaj kaj japanaj)

loko: Okajama

dato: 6-8 de aŭgusto 1996

(Partoprenantoj povos partopreni ankaŭ en la 83a Japana Esperanto-Kongreso, kiu okazos en Hiroŝimo tuj post la KS-15, ĉar Okajama estas proksime al Hiroŝimo.)

Detalojn petu de:

*Japana Esperanto-Junularo/ ĉe KAŬAGOE Masaŝi, Yakata-mati 2038-2, HATIOOZI, 193 Japanio. tel.: +81-426-65-7478*

## 6.4 la 83a Japana Esperanto-Kongreso

loko: Hiroŝimo

dato: 9-11 de aŭgusto 1996

kotizo por alilandanoj: 10,000 enoj (kun 2 tranoktoj, 3 manĝoj, bankedo kaj foto)

Detalojn petu de:

*La Hirosima Komitato de la 83a Japana Esperanto-Kongreso/ Hirosima-si, Minami-ku, Oogonzan-tyo 7-15, 734 Japanio. tel. kaj fakso: +81-82-286-2745 (ĉe Oŝioka)*

## 6.5 La 5a IAKSTE (Internacia Akademia Konferenco pri Scienco kaj Tekniko en Esperanto)

loko: Beijing (Pekino)

dato: 2 - 7 de septembro 1996

temo: La 21a jarcento - nova periodo de scienca kaj teknika evoluoj

laborlingvoj: Esperanto, la angla kaj ĉina

kotizo: 350 US$

loĝado: 30, 50, 100 US$ laŭ kategorio

limdato de aliĝo: fino de aprilo

Detalojn petu de:

*Sciencista-Teknikista Esperanto-Asocio ĉe Ĉina Akademio de Sciencoj/ 52 Sanlihe, Beijing 100864, Ĉinio. fakso: +86-10-859-1095*

## 6.6 la 28a Korea Kongreso de Esperanto

loko: Seulo

dato: 25-27 de oktobro 1996

Detalojn petu de:

*Korea Esperanto-Asocio/ Kwangmyong 2 dong 50-5, Kwangmyongshi, Kyonggido, Koreio 423-012. tel.: +82-2-614-5784. fakso: +82-2-614-5785.*

*retadreso: keast @ soback, kornet. nm. kr*

# 7. Raportoj

## 7.1 Esperanto-kurso en Irano

Ekde 18 de oktobro 1995 estas aranĝitaj Esperanto-kursoj en Haváran kulturejo por gestudentoj. La kursojn gvidas M. Reza Torabi. Oni faris fakan komisionon pri la

internacia lingvo en la kulturejo por esploroj. La studentoj entuziasme renkontis la ideon kaj pli ol 150 personoj partoprenis la enkondukan kurson.

Oni planas fari ankaŭ progresigan kaj konversaciajn kursojn.

el IREJO-Bulteno, decembro-95 (el "Evento" 96-01)

## *7.2 Ĝermo de la movado en Laoso*

Ek de la komenco de ĉi tiu jaro, s-ro YAMAZAKI Masaru, japana esperantisto, laboranta nun por telekomunikado en Vjentiano de Laoso, instruas Esperanton al sia sekretariino, f-ino Paphavady Siathone, per la lernolibro "Hanako lernas Esperanton". Ŝi baldaŭ komencos internacian korespondadon, sed tre bedaŭrinde s-ro Yamazaki baldaŭ forlasos Laoson.

*YAMAZAKI Masaru/ JICA Expert of Telecommunications, c/o Embassy of Japan, Road Sisangvone, VIENTIANE, Laoso*

*Paphavady Siathone/ State of Construction Irrigation, No 1 P.O. Box 684, VIENTIANE, Laoso*

# *8. Informoj*

## *8.1 Se vi vizitos Ĉinion*

Mi estas ĉina sociologo kaj idealisto. Se vi vizitos Ĉinion kaj venos al Pekino, telefonu al mi kaj mi volonte gastigos vin por unu vespermanĝo en mia hejmo kaj akompanos vin viziti vidindaĵojn en Pekino por unu tago.

*Ye Nianxian/ 6 Di-an-men, Gongjian hutong, Pekino, Ĉinio. tel.: +86-1-401-8499*

## *8.2 Ĉina Radio Internacia*

Horaro de Esperanta Disaŭdigo

| UTC | Regionoj | Ondoj (m) | | Ondoj (Kllz) | |
|---|---|---|---|---|---|
| 20:00-20:30 | Eŭropo | 40,51 | 40,16 | 7405 | 7470 |
| | | 30,11 | | 9965 | |
| 22:30-23:00 | Latin-Ameriko | 43,17 | 31,65 | 6950 | 9480 |
| 11:00-11:30 | Japanio, Koreio | 43,13 | 31,65 | 6955 | 9480 |
| 13:00-13:30 | Sudorienta Azio | 25,86 | 25,34 | 11600 | 11840 |

# *9. Alvokoj*

## 9.1 Kunlaboron kun esperantistoj en Soĉi en Rusio !

### 9.1.1 Venu al Soĉi

Esperanto-klubo "Abeleto" en la distrikto Krasnaya Polyana (Soĉi) invitas vin por turisma kunlaboro. Ni proponas ripozi laŭ ĉies plaĉo: vin atendas ripozdomo kaj hotelo, gastejo kaj kabanoj el branĉoj. Loka kaŭkaza kuirarto kaj Alpikaj servoj. Modernaj astropsikologoj kaj kuracistoj, eluzantaj antikvajn resanigajn kuracmetodojn. Bela, agrabla kaj refreŝiga restado ĉe montara rivero Mzimta kun pitoreskaj ĉirkaŭaĵoj de Kaŭkazaj Montoj kaj tute proksime Nigra Maro. Kurac-pedagoga kombino da servoj kaj zorgoj atendas infanojn kaj plenaĝulojn dum tuta jaro.

Milda subtropika klimato, fame konata turista regiono sur kaŭkaza bordo de Nigra Maro en kombino kun ripozo en Kaŭkaza montaro, kun ties flaŭro kaj faŭno, atingebla el Soĉi-Adlero nur dum unu horo per aŭtobuso n-ro 135, aŭ dum dek minutoj per helikoptero, kie vin atendas amikeca rondo de Esperanta klubo "Abeleto". Ni pretas akcepti esperantistojn kaj iliajn konatulojn dum tuta jaro.

Anticipa informo pri restado nepre necesas. Oni konfirmu alvenon je kelkaj tagoj antaŭ via veno.

Kuratorino s-ino Sima Sorokina informas pri eblecoj ripozi, ekskursi, turismi aŭ grimpi sur montoj.

### 9.1.2 Helpu nin vojaĝi al via lando!

Por realigi niajn dezirojn pri kunlaboro: turisma, ĝemeliĝa k.a. unu nia familio, membro de E-klubo "Abeleto" pretas viziti vian landon por starigi amikajn kontaktojn kaj interkonsenti pri komuna agado. Sed por ricevi vizon ni bezonas personajn invitleterojn. Ĉu estas eble tion aranĝi? Kompreneble la vojaĝontoj pripagos ĉiujn viajn elspezojn kaj servojn. Krome ili pretas kunporti:

1) vid-filmojn pri la urbo Soĉi kaj Krasnaya Polyana
2) prospektojn, bildkartojn, poŝtmarkojn, insignojn ktp.
3) infanajn desegnaĵojn por ekspozicio,
4) ĉion alian laŭ plaĉo de invitantoj.

Ni atendas vian baldaŭan respondon por sendi informojn pri vojaĝontoj. Bv. sendi planon de viaj Esperanto-aranĝoj por la jaro 1996.

Nia adreso ĉiam validas:

*(s-ino) Sima Sorokina/ str. Michurina 14, Krasnaya Polyana,*
*RU-354594 SOCHI-A, Rusio*

*tel.: +7-862-49-49-26. elektronika poŝto: vladimir @bespalov. black. sochi. su*

## 9.2 Kunlaboron!

Ni starigis (CITCC) CHIZHOU INTERNATIONAL TRAVEL & CONSULTING Co. (CHIZHOU INTERNACIAN TURISMAN kaj KONSULTIĜAN KOMPANION) registritan ĉe Ĉina Ŝtata Turisma Administrio.

Chizhou International Travel & Consulting Co. volonte servas al turistoj vojaĝi en kaj ekster Ĉinio, organizi specialan kaj oficialan vojaĝon, aranĝas internacian kunvenon, peras mendojn de flugbiletoj, hotelan ĉambron ktp.

Niaj Proponoj:

1. Vojaĝprogramojn selektitajn en Ĉinio (esperantistoj povas ĝui 10 % da rabato, karavano gvidata de esperantistoj ĝui 5 %.
2. Peti mendon de hotela ĉambro tra Ĉinio kaj Honkongo en pli ol 2-stelaj hoteloj kun mininuma 10 % da rabato de normala prezo.
3. Mendi kaj konfirmi flugbiletojn, rezervi seĝon en aviadilo;
4. Organizi komercan kaj aliajn specialajn vojaĝojn en Ĉinio.
5. Helpi vojaĝantojn por ricevi eniran vizon al Ĉinio;
6. Ĉiĉerona kaj interpreta servoj en Esperanto, japana, korea, franca kaj angla lingvoj.
7. Aranĝi studadon en ĉinaj altlernejoj;
8. Peri aliajn aferojn rilatajn kun turismo.

Niaj petoj:

1. Konigi niajn servojn al lokaj vojaĝagentejoj;

2. Bv. gvidi vojaĝgrupojn al Ĉinio.

3. Bv. fariĝi kunlaboranto aŭ peranto de CITCC.

Pri pliaj detaloj turnu vin al mi.

*WANG Xigen/ Foreign Affairs Office of CHIZHOU Prefecture, GUICHI City, CN-247100 Anhui, Ĉinio. tel. kaj fakso: +86-566-20-20-979*

# 10. Historio pri Esperanto-movado en Interna Mongolio de Ĉinio

La aŭtonoma regiono nomiĝis Suiyuan-Provinco dum la tempo de malnova Ĉinio. Tiam komenciĝis Esperanto-movado en la vastega verda stepo. En 1931 sub la iniciato de Yang Lingde (1905-1985) fondiĝis Suiyuan-a Esperanto-Asocio en Huhehaote. Kaŭze de Kontraŭ-japana Rezistmilito (1937-45) Esperanto-movado silentis kaj longe dormis dum jardekoj ĝis 1979.

En aŭgusto 1979 Ĉina Esperanto-Ligo okazigis la Duan Laborkunsidon de Esperanto

en Beijing, en kiu partoprenis Yang Lingde, kiu estis vicprezidanto de Ĉina Popola Politika Interkonsiliĝa Konferenco de Interna Mongolio. Li denove entuziasmiĝis pri Esperanto kaj fondis Esperanto-Asocion de Interna Mongolio en Huhehaote. Nuna konsilantaro de la asocio heredis kaj evoluigis la laboron.

Nuna prezidanto de la konsilantaro estas Li Sen, kiu estas honora konsilanto de ĈEL. Aliaj aktivuloj estas Wang Zaitian, Wang Guoshi, Bao Guihua, Wu Jima, Chen Baode kaj aliaj. Dum la pasintaj pli ol dek jaroj Esperanto-gvidantoj de nia asocio jam instruis milojn da homoj. Ili okazigis dekojn da Esperanto-kursoj, radio-kursoj kaj korespondaj kursoj. En la regiono troviĝas Esperantaj asocioj en Huhehaote, Baotou, Chifeng, Yuanbaoshan, Duolun ktp. Krome troviĝas fakaj Esperantaj asocioj en multaj universitatoj, kolegioj, medicinejoj, minejoj kaj fervojaj oficejoj. La oficiala monata organo "Verda Stepo" de la asocio eldoniĝas jam pli ol 10 jarojn. La estraro de la asocio alte taksas akademian studadon kaj de tempo al tempo publikigas siajn akademiajn disertaciojn en diversaj Esperantaj revuoj en- kaj eksterlandaj. Dum kvin jaroj la Duolun-a Esperanto-Asocio jam eldonis resumojn pri la laborspertoj: "La dek jaroj koncernantaj pri Esperanto-movado en nia Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio de Popola Ĉinio" kaj "La kvin jaroj koncernantaj pri Esperanto-movado en nia gubernio Duolun". Esperanto-kursoj en elementaj lernejoj en la gubernio ludas tre gravan rolon por disvastigi Esperanton. En la minejo de Baiyun en la urbo Baotou kaj la minejo en la urbo Chifeng viglas freŝaj fortoj de junaj studentoj

Kunlabore al Esperanto-Asocio de Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio, laboras Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, kies prezidanto estas Li Sen. La fervojista asocio havas multajn filiojn en multaj minicipoj.

*Wang Peiyan/ 5-etaĝdomo, Okcidenta Strato, Distrikto de Nova Urbo, Huhehaote, Nei Monggu, CN-010010 Ĉinio*

*Li Sen/ Tielu Sushe 16 Lou, 2 hao, Xilin Beilu, Huhehaote, Nei Monggu, CN-100057 Ĉinio*

# 11. Leteroj de legantoj

## 11.1 el Seulo en Koreio, 1995-12-10

Mi, estrarano pri Internaciaj Rilatoj de Korea Esperanto-Junularo, enorde ricevis la libron "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio". En la nomo de KEJ mi multe dankas vin pro tio. La libro estas bona materialo por ni, kaj mi metis ĝin en arĥivon de KEJ. Mi elkore salutas vin kaj esperas niajn bonajn rilatojn.

*KIM Kiwon/ C.P.O. Kesto 7998, Seulo 100-679, Koreio. tel. +82-2-614-5784. fakso: +82-2-614-5785*

## 11.2 el Hanojo en Vjetnamio, 1995-12-13

Multe da sukcesoj en la nova jaro (1996) deziras al vi
estraro de Unesko-Klubo(=UNESPE),

*Nguyen Van Dien, Nguyen Quang/ 6 Vong Duc, Hanoi, Vjetnamio*

## 11.3 el Tonghua en Ĉinio, 1995-12-15

Dankon pro via sendo de la gvidlibro. Ĝi estas tre utila al nia movado. Mi esperas, ke 96 estos por vi agrabla, sukcesplena kaj sana - ĝi alportu al vi feliĉon!

*YU Dequan/ CN-134002, Jilin-provinco, Tonghua Normala Instituto, Ĉinio*

## 11.4 el Huhehaote (Huhehot) en Interna Mongolio, Ĉinio, 1995-12-17

La gvidlibron pri Esperanto-Movado en Azio eldonitan de Mevo-Libroj mi kaj nia asocio (Esperanto-Asocio de Interna Mongolio) jam ricevis. Dankon al vi.

*Li Sen/ Tielu Sushe 16 Lou 2 Hao, Xilin Beilu, Huhehaote, Nei Menggu, CN-010057, Ĉinio*

## 11.5 el Pekino en Ĉinio, 1995-12-22

Jam mi havas "Gvidlibron pri Esperanto-Movado en Azio". Mi kore dankas vin. Fakte mi iom post iom fremdiĝas de nia movado pro mia maldiligenteco, sed rememorante vin kaj aliajn samideanojn, kiuj aktivas, mi deziras prosperon por nia movado en venonta jaro kaj sanon kaj feliĉon por via vivo.

*CHOI Man-won/ 100872, The People's univ. of China Foreign Studies, Ĉinio*

## 11.6 el Samarkando en Uzbekio, 1995-12-27

Atingis min "Gvidlibro pri Esperanto-movado en Azio" kaj mi dankas vin por tiu ĉi vere pionira, grava, informplena kaj utila kompilaĵo. Estante multjara azia Esperanto-aktivulo, mi scias proprasperte kiom malfacile kaj temporabe estis por vi kolekti la bezonatajn informtekstojn, poste prilabori kaj redakti ilin por fine eldoni libroforme. Vian pioniran verkon nepre sekvu novaj pliampleksigotaj, precizigotaj kaj aktualigotaj eldonoj! Intertempe "Esperanto en Azio" estu kolektujo de tiutemaj inform-materialoj por la novaj eldonoj de la gvidlibro. La tasko kaj respondeco liveri tiujn materialojn al la redakcio kuŝas je ĉiuj aziaj Esperanto-aktivuloj. Leginte la eron "Uzbekio" surpaĝe 84 de la

gvidlibro mi rimarkis, ke vi ne utiligis mian materialon "Esperanto en Uzbekistano", kiun ni sendis al vi la 20an de januaro 1995. Mi supozas, ke la materialo alvenis al vi malfrue, post la redaktofino, ĉu? Ĉiukaze mi pensas, ke eblos aperigi ĝin artikolforme en "Esperanto en Azio".

*Anatoli Ionesov + familio + ĉiuj samarkandanoj/ Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro. P.O. Kesto 76, 703000 Samarkando, Uzbekio*

* (red.: Mi ricevis vian manuskripton, sed pro mia fuŝo ĝi perdiĝis inter maro da paperaĵoj, kaj post la eldono de la gvidlibro mi trovis kaj aperigis ĝin en n-ro 22 de "Esperanto en Azio". Mi petas vian pardonon! dĉ)

## 11.7 el Anhui en Ĉinio, 1995-12-30

Koran dankon por la revuo "Esperanto en Azio", kiun mi bonorde siatempe ricevis de vi! Nun mi havas novan adreson.

De tempo al tempo mi vojaĝas en Koreio, Singapuro, Tajlando, Malajzio kaj Honkongo por mia ofico, kaj mi povas renkonti esperantistojn en supre menciitaj landoj.

Mi volas pli multe ekkoni la Esperanto-movadon en tiuj landoj, kaj esperas seninterrompe ricevi de vi la gazeton.

Kun miaj bondeziroj

*WANG Xigen/ Foreign Affairs Office of CHIZHOU Prefecture, GUICHI City, CN-247100 Anhui, Ĉinio. tel. kaj fakso: +86-566-20-20-979*

## 11.8 el Vladivostoko en Rusio

Bonvolu akcepti varmajn gratulojn kaj plej bonajn dezirojn okaze de la Nova Jaro - Jaro de RATO kaj MUSO.

Ni kore dankas vin pro la regula sendado de la revuo-bulteno "Esperanto en Azio" kaj pro la Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio.

Bedaŭrinde en nia For-Orienta parto de Rusio nun restas nur 3 Esperanto-kluboj: en Petropavlovsk-Kamĉatskij (je privata adreso de Andris NATINJ), en Jakutsk (je privata adreso de V. PISAREV) kaj Vladivostok (je privata adreso de Aleksandr TITAJEV)

Estime, via

*Aleksandr Titajev, prezidanto de Vladivostoka Esperanto-Klubo RUS-690090 Vladivostok-90, do vostreBovanija, Rusio*

## 11.9 el Nanchang en Ĉinio, 1996-01-03

Dankon por la bulteno "Esperanto en Azio". Mi estas ĝenerala sekretario de

Nanchang-a Junulara Esperanto-Asocio. Mi kaj membroj tre amas Esperanton. Nanchang estas la ĉefurbo de Jiangxi (Ĉiansi) Provinco. Ni devas multe labori por propagandi Esperanto-movadon al neesperantistoj. Vere al ni mankas instruistoj. Mi tre volas ricevi vian helpon. Ankaŭ mi membriĝos al UEA. Ĉu vi povas helpi min?

*Cao Xionglin/ Nanchang-a Junulara Esperanto-Asocio, Xihulu 72 hao, Nanchang 330003, Jiangxi, Ĉinio*

* (red. Se vi volas membriĝi al UEA, sendu necesajn dokumentojn al KAEM. Vd. p. 6)

## 11.10 Neuenhaus (Noienhaus) en Germanio, 1996-01-06

Kun granda ĝojo mi ricevis la Gvidlibron pri Esperanto-Movado en Azio. Tiu ĉi libro estis transsendita de Ĉinio al mi. Mi legis ĝin kun ĝojo kiel esperantistino. La jaro 1996 venas. Mi samtempe sendas miajn elkorajn salutojn al la samideanoj, kiuj laboras en Jokohama Esperanto-Rondo.

*Wana Nehmer/ Dr. Picardstr. 49, 49828 Neuenhaus, Germanio*

## 11.11 el Soĉi en Rusio, 1996-01-07

Koran dankon por la bonega gvidlibro pri Esperanto-movado en Azio. Ege bezonata kaj aktuala. Mi gratulas Vian bonfaron!

Feliĉan kaj Prosperan Novan 1996 Jaron!

Amike kaj Kore

*Vladimir Bespelov/ Esperanto-Klubo "Laro", RUS-354000 Soĉi, ab. ja. 913*
*tel.: +7-862-99-72-281. telekso: 191111 PTB SU Bespalov.*
*faksoj: +7-8622-92-04-45, +7-8622-92-87-30.*
*elektronika poŝto: vladimir @ bespalov. black. sochi. su*

## 11.12 el Tabriz en Irano, 1996-01-11

Unue mi ŝatus gratuli al vi La Novan Jaron esperante, ke vi havos bonan kaj sukcesplenan okazon kaj tre dankas vin, ke vi sendis al mi libron "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio" kaj ekzempleron de via revuo "Esperanto en Azio". Ili estis kiel novjara donaco al mi kaj tre ĝojigis min. Mi tutkore dankas vin. Mi ankaŭ estas certa, ke mi estonte estos aktiva esperantisto en Azio kaj Irano. Mi dankas vin ree.

*Mohammad Reza R. / P. O. Kesto 4859 IR-51335 Tabriz, Irano*

## 12. Ricevitaj organoj

### 12.1 "La Verda Krizantemo"

organo de Zhongshan-a Esperanto-Asocio; n-ro 15 (aŭg. 1995); A-4; 2-paĝa

En ĝi aperas dokumentoj pri Esperanto-movado en Zhongshan el "Enciklopedio de Esperanto" (1933), el "Katalogo de la Esperanto-Gazetaro" (Ĉeĥoslovakujo 1934), el "esperanto" de UEA (aprilo 1993), el "El Popola Ĉinio" (n-ro 5 de 1991 kaj n-ro 3 de 1992), el "Heroldo de Esperanto" (4 marto de 1992) kaj el "Esperanto en Azio" (n-ro 7 kaj n-ro 13)

*sendinto: Chen Yongxi/ Rm 301 No 1, Zhenshan Fang, Minsheng RD Zhongshan, Ĉinio*

### 12.2 "Aktuale, Eŭro-Azia"

internacia gazeto aperanta 8-foje jare; n-ro 62 (1995-12-31);

la fondinto: Konsilio de Siberiaj Esperantistoj, Rusia SAT-grupo, BIZNES-klubo

*la ĉefredaktoro: Vladimir Jurjeviĉ MININ/ a.ja. 2000, Tomsk, RU-634063, Rusio*

### 12.3 "Tutmondaj Scienco kaj Tekniko"

Ĉefadministrata de Ĉina Akademio de Sciencoj; Eldonata de Eldonejo Tutmondaj Scienco kaj Tekniko; ĉefredaktoro: Shen Chengru; n-ro 42 (1995-4); A-4; 50-paĝa; dulingva (la ĉina kaj Esperanta); la kovrilo estas kolora.

*adreso de la eldonejo: Esperanto-Asocio, Academia Sinica, 52 Sanlihe, 100864 Beijing, Ĉinio*

### 12.4 "Juna Amiko"

Internacia Kvaronjara Lernejana Revuo en Esperanto; eldonita de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj); n-roj 74 kaj 75 (1995-3 kaj 4); A-5; 32-paĝa

Tiu ĉi estas bona lernomaterialo por junaj komencantoj.

*adreso: pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario*

### 11.5 "La Lanterno Azia"

Oficiala Organo de Korea Esperanto-Asocio; n-ro 125, (okt. 1995), B-5, 20-paĝa; dulingva (la korea kaj Esperanta)

Laŭ ĝi ni informiĝis pri la Esperanto-movado en Koreio: La nombro de la individuaj membroj de KEA estas 286 (137 dumvivaj membroj kaj 149 jarkotizintoj). Duono el ili loĝas en Seulo. Novaj membroj multiĝis pro la movado en Pohang kaj Suwon. En Agotago (la 7an de oktobro) oni disdonis flugfoliojn en Seulo kaj Suwon, en Taegu estis surgluado de glumarkoj kaj en Kwangju estis ekspozicio pri Esperanto.

*Korea Esperanto-Asocio / Kwangmyong 2dong 50-5, Kwangmyongshi, Kyonggido, Koreio 423-012. tel.: +82-2-614-5784. fakso: +82-2-614-5785. retadreso: keast @ soback, kornet. nm. kr*

## 11.6 "Facila Esperanto"

Monata Oficiala Organo de Pakistana Esperanto-Asocio; n-ro 21, (jan. 1996), A-5, 8-paĝa; du-lingva.

Enhavo: Nova ideo, 19-Jara Kongreso de PakEsA, Pri la vortoj, 80-a Universala Kongreso de Esperanto, Pensoj de Prezidanto de PakEsA, Atento

*Pakistana Esperanto-Asocio / 2-Asghar Mall Road, Rawalpindi-46000, Pakistano tel.: +92-51-453898*

# 13. Kontribuoj

Post la raporto en n-ro 22, jenaj 60 personoj kontribuis por la azia movado sume 206,000 enojn kaj 100 usonajn dolarojn.

ABE Hirojuki, CUĈIJA Kanĵi, Esperanto-Rondo de Tomakomai, GOTOO Hitoŝi, HAJAŜI Kanejuki, HAJAŜI Ken, HIROTAKA Masaaki, HUĴIMAKI Ken'iĉi, HUKUMOTO Hirocugu, IMAIZUMI Hisanori, IŜINO Masajo, ITABAŜI Cutomu, ITAGAKI Akiko, ITOO Joriko, IŬAMOTO Tamae, JAMASAKI Seikoo, JAZAKI Jooko, KAI Kooiĉi, KARIBE Riiĉi, KAŬAI Takaŝi, KAZAŬA Kinuko, KOJAMA Takeŝi, KONIŜI Ĉijo, KUMAKI Hideo, LEE Chong-yoeng, MACUMOTO Hiroŝi, MACUOKA Cujoŝi, MAEDA Jonemi, MIJAMOTO Iĉiroo, MIJAMOTO Seiko, MINE Joŝitaka, MISAŬA Joŝiroo, MORITA Reiko, MURAKAMI Hiroŝi, NAGURA Sadako, NAKACU Masanori, NAKAMIĈI Tamihiro, NIŜIKAŬA Tojozoo, NIŜIO Cutomu, NIŜITANI Terumi, NIŬA Masahisa, NOMURA Tadacuna, OKUCU Ŝintaroo, OKUDA Hiroko, OOHARA Takaŝi, OONIŜI Ŝin'iĉi, OOSAKI Jaeko, SAITOO Tomoko, SAKAMOTO Ŝooĵi, SASAKI Jasuko, SASANUMA Kazuhiro, SEKI Humi, SOMEKAŬA Takatoŝi, SUZUKI Takao, ŜIBAJAMA Ĵun'iĉi, Ŝikoku Esperanto-Ligo, TAI Hisajuki, TAI Kaori, TAKUBO Hideo, TANI Hirojuki

***korekto*** n-ro 22, p. 13, l. 11

Krom ili, ni ricevis 200,000 enojn de s-ino Anonima.

## 14. Kiel eldoniĝas EeA kaj kiel vi ricevas ĝin?

"Esperanto en Azio" kiun vi nun tenas en viaj manoj, konsistas ĉefe el viaj manuskriptoj. Ni, la redaktantoj, ricevas multajn leterojn de vi, legantoj. Ili sufiĉe ampleksas unu numeron kaj tre malofte ni redaktantoj mem verkas artikolojn.

Ricevinte la leterojn, DOI Ĉieko, kiu estas dommastino, elprenas partojn el la leteroj kaj tajpas per makintoŝa komputilo (Пcx). Ĉar ŝi ne deziras tajpi samtempe multege, ŝi tajpas po-iomete, ĉiufoje tuj, kiam ŝi ricevas leteron. Kaj kiam la jam tajpita kvanto sufiĉas por unu numero, ŝi metas la tuton en unu diskon kaj donas al sia edzo, DOI Hirokaz, kiu estas salajrulo kaj havas liberan tempon nur en ferioj. Li manipulas alian makintoŝan komputilon (Quadra /kuŭadra/ 650) kaj paĝaranĝas la tajpitajn tekstojn al la bultena formo per por-redakta softvaro QarkXPress /kuŭok-eks-pres/.

Kaj li ankaŭ preparas adresslipojn per datumbazo. Ŝi intertempe preparas kovertojn, gluante la slipon sur la koverton . Kiam kovertoj kaj paĝaranĝo estas pretaj por ekspedo kaj presado, ŝi kaj kelkaj membroj de Jokohama Esperanto-Rondo venas al la domo de "Internacia Asocio de Kanagavo", kie estas instalita presmaŝino, kiun la asocio permesas nin uzi senpage, sed ni mem devas aĉeti paperojn en butiko.

Ni nun presas 870 ekzemplerojn. Se EeA havas 20 paĝojn, ni devas faldi 4350 foliojn. Tio estas tre granda laboro. Post faldado ni kunmetas 5 foliojn en unu bultenon kaj metas en la koverton. Poste ni portas la kovertojn al proksima poŝtoficejo. Jen finoI Ĉiuj (ankaŭ la redaktantoj) laboras por tio senpagite eĉ por trafiko. Ĉefaj kunlaborantoj estas SUZUKI Isao, ITABAŜI Cutomu kaj TODOROKI Hisako. Sed en la lasta decembro ni eldonis samtempe du numerojn kaj tial la laboro estis grandega. Kvankam ni laboris ĝis malfrue, ankoraŭ restis la laboro. Ni do sendis la restintajn aĵojn al la hejmo de Doi, kaj DOI Ĉieko devis laboradi hejme, kuirante por la nova jaro.

Japanaj legantoj ricevas la bultenon, paginte jare minimume 2000 enojn (la sumo eniras en la fondaĵon Canuto de UEA), sed aliaj ricevas senpage. Kvankam por presado ni ne pagas, la sendokosto estas granda, kaj tion pagas UEA, verŝajne el Azia Fondaĵo.

La redaktantoj petas vin legantojn: Se vi povas, ankaŭ ne-japanaj legantoj kontribuu iom da sumo por azia agado laŭ via ebleco. Landaj asocioj bonvolu pripensi la aferon. Kaj se vi ne volas ricevi la bultenon, sciigu ankaŭ tion al ni. Tiel ni povos ŝpari monon.

***•Parolas la redaktantoj:*** Post la finaranĝo ni ricevis manuskripton de la prezidanto de KAEM. En la venonta numero ni aperigos ĝin. (02-26)